Porto Alegre, RS, Brazilo
Printempo 1991 N-ro 3

FLAVIO FONSECA KANTISTE ESPERANTAS



ESPERANTOKULTURO

# LA VERDA KANTISTO

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

FLÀVIO FONSECA, LA JUNA KANTISTO EL BRAZILJO, PAROLAS EN TIU INTERVJUO PRI GHIA LABORO EN LA KAMPO DE LA ESPERANTA KULTURO:

**Bonvolu skizi kelklinie vian E-biografion. Kio motivas vin muziki Esperante? Pri kio vi plej sukcesis?**

FLAVIO FONSECA - Profesie mi muzikas ekde la agho de 14 jaroj.Mi esperantighis en 1980.La decidon lerni la lingvon mi shuldas al la muziko mem: la belsona fonetiko allogis min.En 1985 E-Asocio de Brasília eldonis la disketon **Flávio Fonseca en Esperanto**; en 1989 mi respondecis pri la aranghoj kaj muzika direktado de la kasedo **Aaron brazilumas Esperante**; kaj pasintjare Brazila E-Ligo eldonis la kasedon **Aerlumo**.Dume mi metas unu-du E-kantojn en preskaù chiujn miajn portugallingvajn koncertojn kaj diskojn.

**Chu aliaj Esperantaj muzikistoj estis modelo por vi? Chu ne-Esperantaj? Chu Esperantujo jam havas propran muzikan tradicion?**

FLAVIO FONSECA - Specialan modelon mi ne havas, char en miaj unuaj jaroj kiel E-komponanto mi tro malmultajn informojn ricevis pri aliaj samfarantoj.Antaù mia esperantistigho mi jam estis profesia komponisto - sekve, mi povus citi ne-esperantistojn, kiel Tom Jobim kaj Egberto Gismonti. Parolante pri la tekstoj, mi chiam estis avida legemulo de poezio: en chi-kampo mi mencias Geraldo Mattos, Jirí Korínek kaj Markéta Procházková.



**Kiuj estas la plej gravaj direktoj de la Esperanta muzika kulturo, nun kaj en la proksima estonteco?**

FLAVIO FONSECA - Du, miaopinie, estas la plej gravaj direktoj de la E-muzika kulturo: la chiam kreskanta diverseco kaj la profesiigho. La diverseco de stilo rezultas el la alveno de novaj muzikistoj kaj muzikemuloj al la movado. Nun eksvarmas komponantoj, grupoj, kantistoj.Chiu kontribuas per sia landa, regiona aù persona stilo al la tuto.Bunta vario troveblas, kaj gravas ke tiel estu - ke ni havu chian muzikon en Esperanto, la korusan, la operan, la popularan, la rokan, la ajnan, la sendifinan, kaj - kial ne? - ech la instrumentan! Chiu nova artisto meritas nian apogon kaj disvastigforton, char nur tiel formighos, iom post iom, solida E-muzika tradicio.

La profesiigho estas natura kaj dezirata vojo. La teknikoj, la rimedoj, kaj taksivo, chio evoluas. Pli kaj pli ofte oni ekscias pri grupoj koncertantaj kaj albumoj registrataj profesie, en Esperanto. Tio estas tre bonvena: la profesiigho alportas pli altan kvaliton, sekve kredindecon al la arto. Ech se oni ne vivtenas sin per la muzika laboro, oni devas agi profesinivele. Tiu principo tushas la verkadon, la ludadon, la studian surbendigadon, la presarton, la propagandon kaj distribuadon (kaj chio chi validas por koncertoj)

el la revuo ESPERANTO

---



## VERDA KAFO

LA PLEJ TRADICIA E-EVENTO
OKAZANTA EN PORTO ALEGRE

Restoracio TUTTY'S,
Centro Comercial Independência
**En la lasta sabato de la monato**

Ekde la 16h

Mi ne havas mesaghon. Mia mesagho estas mia vivo.

(Gandhi)

Antaù ol mi edzighis mi havis ses teoriojn pri la pli bona maniero eduki la filojn; nun mi havas ses filojn kaj neniun teorion.

(Rochester)



Gandhi

La dubo estas unu el la nomoj de la inteligenteco.

(Jorge L. Borges)

Mi estas civitano, ne el Ateno aù el Grekio, sed el la mondo.

(Sokrato)

La homo kiu ne scipovas rideti ne povas instali butikon.

(China proverbo)

La maljunulo intencas jughi la hodiaùon per la kriterioj de la hieraùo.

(Ramón y Cajal)

Ni trovu la malamikon: li estas ni mem.

(Pogo)




NOVA PSIKOLOGIO

# ANALIZA PSIKOLOGIO, TERAPIO DE PASINTAJ VIVOJ

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

JEN INTERVJUO KUN D-RO GELSON LUIS ROBERTO, 25-JARA, ANALIZA PSIKOLOGO KAJ VICPREZIDANTO DE SPIRITISMA SOCIETO "IRMÃO MIRANDA", EN PORTO ALEGRE:

JES JA! - D-ro Gelson, kio estas analiza psikologio?

GELSON LUIS ROBERTO - Junga psikologio, ankaù nomita analiza psikologio, estas pritraktado proponita de Karl Gustav Jung pere de sennombraj studoj. Tiaj studoj komencighis pere de eksperimentoj kun vort-asociado, kontaktoj kun la psikoanaliza movado, kiu ligis lin al Freud pere de forta amikeco dum sep jaroj, el kiuj dum 4 jaroj li estis prezidanto de Internacia Psikoanaliza Asocio. Tiuepoke li profundigis studojn pri mitologio, relig-historioj, kvantuma fiziko interrilatigante ilin kun sia psikiatria sperto. Danke al tio li trafis propran koncepton pri la hompsiko, kiu inkluzivas la komprenon pri la nekonscio, la konscio kaj diversaj strukturoj ligitaj al ili.Jolande Jacobi, dischiplino de Jung, asertas, ke "la psikologio de Jung kapabligas la individuon konscie descendi al la profundoj de la propra animo, rekoni ghiajn enhavojn kaj integrigi ilin en la konscion."Temas pri kompleksa, richa kaj malfacila tasko la konkero de la integrigo kaj memrealigo de la psiko en ghia tuteco, kiun Jung nomis proceso de individuigo.

JES JA! - EN KIO GHI MALSIMILIGHAS AL PSIKOANALIZO?

GELSON LUIS ROBERTO - Ghi malsimilighas en variaj aspektoj, aù plibone, en tuto al la freud-a konceptado. Malgraù la fakto, ke kelkaj aùtoroj taksas la psikologion de Jung kiel unu el la tendencoj de la psikoanalizo, tio ne estas ghusta. Tia malghustajho okazas pro tio, ke ambaù laboras pere de konceptoj kiel nekonscio, libido kaj songhoj, sed la starpunkto kaj orientado estas tute malsimilaj. Dum la freud-a koncepto estas reduktista-kaùzista, la junga estas finista, sed ne neante la kaùzojn.

La junga psikologio serchas pozitivan interrilaton kun la nekonscio, char tiu estas la cheffonto de la tuta konscio. Estas tre malfacile en tiu mallonga spaco listigi la diferencojn inter la du konceptadojn. Tio implicas mond- kaj homperceptojn antagonismajn.

**JES JA! - Kio estas la spiritisma kontribuo al via laboro kiel psikologo?**

GELSON LUIS ROBERTO - Spiritismo kiel doktrino kiu enhavas filozofian kaj sciencan korpon estas iu grava apogilo en la studado de la homnaturo ebligante iun plirichigadon en diversaj areoj de la vivdinamikeco kaj de la interna mondo de chiuj ni.

JES JA! - Kio estas TPV - terapio de pasintaj vivoj?

GELSON LUIS ROBERTO - Ghi estas nova psikoterapia maniero disvolvigita en Usono en kiu oni uzas kiel tekniko la memorretroiron.

**JES JA! - Chu vi povus mencii ekzemplojn de kuracoj de psikaj problemoj pere de TPV?**

GELSON LUIS ROBERTO _ Momente mi memoras pri neniu specife, de la sperto demonstracias bonajn rezultojn en la kazo de fobioj chiaspecaj. Laù siaj sekvantoj, ghi ebligas kuracojn en la diversaj patologioj de la homsinteno.

JES JA! - En kiaj kazoj vi opinias, ke TPV ne estas konsilinda?

Gelson Luis Roberto - Kiel chiu tekniko ghi havas siajn limojn kaj postulas kelkajn priatentojn en sia praktikado. Mi pensas, ke estas tre danghere "tushi" kelkajn nekonsciajn enhavojn sen iu antaùa

kaj adekvata studo de la individuo. Se ghi estas uzata per maladekvata maniero ghi povas krei aù alporti necesojn kiuj ne havas sencon por la nuntempa vivo de la individuo. Mi kredas, ke ghi ne estas taùga tekniko en la kuracado de infanoj kaj psikopatoj pro tio, ke la infanpersoneco restas ankoraù sub formado kaj pro la fragileco de la egoo en la kazo de psikozo kaj seriozaj patologioj.



*Carl Gustav Jung*

# La ĉefa obstaklo al Esperanto estas psika

B. RAGNARSSON

**Ĉu Esperanto prezentas minacon al la naciaj lingvoj? Ni kutimas trankviligi laŭeble tiurilatajn timojn ĉe la publiko. Baldur Ragnarsson, tamen, donus alian respondon. Li antaŭvidas tempon, post la ĝenerala akceptiĝo de la Internacia Lingvo, kiam la naciaj lingvoj malfortiĝos kaj komplete cedos sian lokon al Esperanto en la publika lingvo-uzo — kiel ekzemple en ĉi tiu hispana magazeno.**

Tro multaj esperantistoj rilatas pasive al la rolo de Esperanto kiel la internacia lingvo. Ili kontentiĝas uzeti la lingvon en lokaj esperantistaj medioj kaj malofte aŭ tute ne mencias ĝin ekster tiuj rondoj. Ili nur sporade korespondas eble kun unu eksterlanda esperantisto, abonas unu Esperantan revuon aŭ neniun, malofte aĉetas Esperantan libron. Iom post iom tia pasiva rilato povas naski en la menso de tiaj personoj nur indiferenton kaj eĉ malfidon pri nia lingvo kaj ĝia destino. Ilia intereso velkas pro manko de konvinko, kaj fine ili fordrivas el la movado.

Sed ne estas nur pasivuloj, sed ankaŭ aktivuloj, kiuj misdirektas siajn fortojn. Efektive oni ofte rimarkas en ilia aktiveco ian senpaciencon, kiu serĉas ne pli indan solvon de la interlingva problemo ol supraĵan aplikadon de ia minimuma lingvo, ia *lingua franca*, ia Esperanto servanta preskaŭ nur en tiel memevidentaj kazoj kiel la komerco kaj la turismo. Iliaj argumentoj estas "praktikaj", propagandante ili akcentas la "facilecon" de Esperanto, promesante ili asertas tujajn rezultojn. Zorge ili evitas ĉian penson pri tio, ke estas iluzio kredi, ke la internacia lingvo estas nura helpilo, ludanta preteran rolon, neniel efikanta sur la apartajn rolojn de la nacilingvoj. Tiaj propragandistoj havas malprofundan komprenon pri la esenca rolo de la internacia lingvo.

## Sapir kaj Borgström

Eĉ inter niaj gvidantoj oni konstatas certan heziton agnoski la plenan difinon de tio, kion signifas la koncepto de la internacia lingvo kaj ĝia uzo. Ili evidente preferas rigardi la aferon iel provizore, ŝajne rifuzante tutpaŝan konsciiĝon pri ties esenco kaj celo.




La mondfama pioniro de priskriba kaj psika lingvistiko, Edward Sapir, en sia difino de internacia lingvo (*International Auxiliary Language* [eseo], 1931) skribas i.a.: "Internacia lingvo devas servi kiel vasta bazo por ĉia speco de internacia kompreno, kio signifas, kompreneble, en la fina analizo, ĉian specon de esprimo de la homa spirito."

Alia konata lingvosciencisto, Carl Hj. Borgström, skribas jene pri la interlingva problemo en sia vaste uzata universitata lernolibro *Innföring i Sprogvidenskap* (1963): "Estas iluzio kredi, ke iu lingvo povas tratute plenumi sian rolon kiel internacia komunikilo sen paralela redukto de la uzo de ĉiuj aliaj lingvoj. Tial la problemo estas solvebla nur surbaze de ideologio kun internacieca, t.e. sennacieca, tendenco, kiu akceptas, ke iu parto de la instruado kaj la kulturvivo uzu la internacian lingvon kiel sian perilon. Se ĉi tiu premiso iam estos plenumita, oni povas atendi, ke artefarita lingvo estos preferata, kaj ĉar tia ne havas naciecajn kunligojn kaj ĉar ĝi estas pli simpla por lernado."

Jen ni havas el la plumo de du alte meritaj lingvosciencistoj du bazajn ideojn inter si konformajn kaj nepre rilatajn: (1) ke la internacia lingvo devas servi kiel bazo de ĉia speco de esprimo de la homa spirito; (2) ke paralele kun la kreskanta uzo de la internacia lingvo nepre reduktiĝos la uzo de la naciaj lingvoj. El tiuj du ideoj la esperantistoj, pli ĝuste: tiuj el ili, kiuj vere vartas la lingvon, ĝis nun agnoskis en praktiko nur la unuan; rilate al la dua, ili eĉ kontraŭe sin esprimis, asertante fojon post fojo, ke Esperanto ne celas ian ajn malfortigon de la naciaj lingvoj, kaj tiel, fakte, limigis ĝian rolon al nura akcesoreco.

## Epoko de migradoj internaciaj

Laŭ Borgström, kaj efektive laŭ ĉiu, kiu realece konsideras la aferon, estas iluzio supozi, ke la naciaj lingvoj longe plutenos sian nunan pozicion, se la internacia lingvo ĝenerale enkondukiĝos en la vivon de la homaro. Enkonduko de la internacia lingvo faciligos interŝanĝojn de personoj tra la mondo, migradon de laboristoj kaj turistoj, diverslandajn studeblecojn de studentoj kaj funkciadon de multnaciaj kongresoj. Sekve de tiaj interŝanĝoj sur internacia skalo la lingvo-uzo de publikaj instancoj (ekde ministerioj ĝis butikoj, restoracioj ktp.) nepre internaciiĝos. Vastatingaj radiostacioj komencos regule uzadi la lingvon por pli bone kapti la ĉiam kreskantan nombron da homoj ĝin sciantaj, kaj la mondo de komerco certe scios tiri el ĝi profitojn. Informaj revuoj komencos praktiki la internacian lingvon sur siaj paĝoj, kaj sciencaj revuoj bonvenigos ĝin. Post kelkaj jaroj de ĉiam pli rapide kreskanta uzo de la internacia lingvo la instruado de la grandaj nacilingvoj al alilingvanoj komencos disfali. La ĝenerala publiko ne plu vidos multan utilon en temporaba lernado de multaj lingvoj post la definitiva sukceso de la internacia. La eduksistemoj de la diversaj landoj certe baldaŭ inkluzivos multvarian aplikadon de la internacia lingvo kaj faros ĝin unu el siaj plej efikaj laboriloj. Ĉu ne estas atendeble, ke sub tiaj kondiĉoj — kaj mi akcentas, ke ĝenerala enkonduko de internacia lingvo nepre kondukos al tiaj kondiĉoj — la uzo de naciaj lingvoj grave reduktiĝos? Estas neeviteble, ke iom post iom iliaj roloj limiĝos preskaŭ nur al aferoj de strikte loka karaktero, dum la internacia lingvo ĉiam pli efike servos la tuthomaran kulturon. Se ni, advokatoj de la internacia lingvo, volas daŭrigi nian klopodadon akceptigi ĝin kiel la internacian en praktiko, ni devas mem akcepti tiun perspektivon kaj sekve draste revizii niajn informajn taktikojn.

Jen unu demando estas aktuala: Kio estas la ĉefa obstaklo sur la vojo al akcepto de la internacia lingvo?

Respondo ne estas facila. Plej evidentas, kompreneble, politika kontraŭstaro kaj ĝenerala inerto. Tamen, supozeble, la ĉefa rezisto kontraŭ oficiala enkonduko de la internacia lingvo estas antaŭ ĉio psikologia; la publiko eĉ subkonscie komprenas, ke ĝi malfortigos la naciajn lingvojn. Kaj ĉar la homoj agas pli laŭ emocio ol laŭ racio, ili plue rifuzos internaciigi sian menson dum la ligoj kun la naciaj lingvoj estas tiel emocie ŝarĝitaj kiel estas nun.

Ankaŭ ni esperantistoj staras antaŭ problemo, kiu havas radikojn en nia propra subkonscio. Ni do devas decidiĝi pri tio, ĉu ni pretas daŭrigi nian batalадon por Esperanto malgraŭ la fakto, ke ĝia enkonduko minacos niajn proprajn naciajn lingvojn en multaj sferoj.

Se ni respondos, eble post severa interna batalo, jese, ni devas lerni kontraŭbatali kaj persvadi fronte al tiu psikologia rezisto, kiun naskas la subkonscia timo koncerne al la internacia lingvo.

## Por realeca ideologio

Niaj taktikoj tiam fariĝu laŭeble raciaj kaj sciencaj. Ni elmontru, ke la moderna menso tendencas fariĝi pli kaj pli kritika kaj analiza kaj tial bezonas instrumenton de esprimado kaj komunikado kiel eble plej logikan kaj emantan progrese konformi al la rigora spirito de moderna scienco. Ni elmontru, ke la parolantoj de nacia lingvo estas sub konstanta iluzio rilate al la logika karaktero de ĝia strukturo, ke ili efektive konfuzas la komforton de kutimo kun logika nepreco, kaj ke ĝuste pro tio la moderna spirito ne kontentiĝos daŭre pri nacia lingvo, ekzemple la angla, kiel internacia. Ni elmontru la vastan diferencon inter la psikologio de lingvo, kiun oni devas vole-nevole akcepti, pro politikaj kaŭzoj ekzemple, kaj la psikologio de lingvo, kiun oni akceptas libervole, ĉar ĝi ne estas ŝarĝita de fremdaj tradicioj kaj antaŭjuĝoj. Ni estu diligentaj fari kaj pretemaj subteni sciencajn komparojn inter Esperanto kaj la naciaj lingvoj el la vidpunktoj de simpleco, reguleco, logiko, riĉeco kaj kreiveco. Ni estu firmaj en nia fido, ke la fundamentoj de vere adekvata formo de internacia lingvo estas jam metitaj en la lingvo Esperanto, sed antaŭ ĉio ni estu sufiĉe konsciaj pri la ekstrema graveco de nia afero por agnoski, ke la nuna Esperanto prezentas ne ian definitivan, finan formon de ideala lingvo internacia, sed prefere ĝustan komencon senfine evoluigeblan tra la jarcentoj al ĉiam pli supera esprimilo kaj komunikilo tuthomara.

Kaj tiaj estu la enhavo kaj celo de nia ideologio. Ĝi estu realeca en la plej profunda senco, supernacia en la plej alta signifo. Ni serĉu aliancanojn inter lingvo- kaj alisciencistoj, ni serĉu ilin inter ĉiuj klarvidaj kaj aŭskultemaj homoj. Ni esploru kaj vartu ĉiun eblecon, kiu koncernas la internaciiĝon de la homaro.

## ESPERANTO KAJ MI

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

KIEL:
Preferinde estus diri ion nur pri la unua vorto kiu elstaregas super la dua; tiele, char pri la unua estus eble senfine prikomenti, la dua signifas kunlige: Esperantistigho pere de "Esperanto sem Mestre" (FVL); edzinigho pere de Esperanto kaj adopto de la lingvo chiutage ekde tiam; tradukaj, redaktaj kaj kunordigaj laboroj; postenoj estraraj en EASP, partopreno en dekoj da E-kongresoj kaj renkontighoj; enpostenigho kiel Regiona Delegito de UEA (sudo).
KIAL?
Idealismo? Misio? Evidenteco?
Fine, Esperanto kaj Mi aù Mi kaj Esperanto rezultas en unu nura afero: Esperanto kaj Esperanto!

Symilde Schenk Ledon

# KREDU...
# SE VI VOLOS!

* * * * * * * * * * * * * * * *



Lincoln en liaepoka karikaturo

Estas momentoj en kiuj la koncepto pri **koincido** klarigas malmulte. Ni vidu ekzemple kelkajn biografiajn donitajhojn el la vivo de Abraham Lincoln kaj John Kennedy, iam prezidentoj de Usono.

* Ambaù estis filoj de britdevenaj familioj kiuj koloniigis Massachussets;

* Ambaù estis duaj filoj;

* Ambaù rekrutighis en la armeo kiam ili estis 23jaraj;

* Lincoln, kiel senatano, estis elektita vicprezidento en 1856; Kennedy, en 1956

* Lincoln, en 1860, farighis prezidento. Kennedy, en 1960.

* Ambaù iliaj konsilantoj nomighis William Graham;

* Lincoln kaj Kennedy edzighis kiam ili estis 30jaraj al virinoj 24jaraj;

* Ambaù edzinoj perdis filon kiam ili vivis che Blanka Domo;

*Kennedy*




* La familia nomo de la sekretario de Lincoln estis Kennedy kaj tiu de Kennedy estis... Lincoln;

* Ambaù estis mortigitaj che siaj edzinoj kaj en la sama semajntago: vendredo;

* John W. Booth mortigis Lincoln en teatro kaj fughis al magazeno; Lee H. Oswald mortpafis Kennedy el magazeno kaj fughis al teatro;

* Ambaù iliaj mortigantoj estis mortigitaj antaù la jugho;

* La prezidentoj kiuj anstataùis ilin nomighis Johnson. Tiu de Lincoln naskighis en 1808; tiu de Kennedy, "kompreneble" en 1908. Pensige, chu?

Surbaze de la libro
De Kennedy ao Homem Artificial
kaj de la revuo Ano Zero

**Koresponda Servo de Japana Esperanto-Instituto (JEI)**
**Tôkyô-to, Sinzyuku-ku, Waseda-mati 12-3, 162 - Japanio / Nippon**

## Por havi korespondanton en Japanio

1. AKCEPTO DE KORESPONDPETOJ

Akceptataj estas korespondpetoj nur kun japanaj Esperantistoj per la lingvo Esperanto.

2. KONDIĈOJ DE KORESPONDPETOJ

Skribu sube prezentatajn necesajn informojn kaj sendu al la supra adreso de la "KORESPONDA SERVO de JEI" kunmetante por havi 1 korespondanton 2 ekz. da Internacia Respondo-Kupono (IRK / se en via lando ĝi ne estas havebla, skribu tiel.)

[NEPRE NECESAJ INFORMOJ]

a) sinprezento.....momo (sen mallongigo) / adreso (laú nacilingva ortografio kaj ordo) / lando / sekso / jaraĝo / profesio-fako-ŝatokupo

b) kondiĉoj pri korespondanto en Japanio .....sekso / limo de jaraĝo / profesio-fako-ŝatokupo / temo

[ATENTIGOJ]

a) Laúeble tajpu almenaú nomon kaj adreson (se ne eblas tajpi, skribu preslitere).

b) Por ricevi unu korespondanton unu petleteron skribu per via propra lingvoscio kaj via propra manskribo aú tajpado.

3. ELEKTO DE KORESPONDANTO EN JAPANIO

a) Ĉiuj petoj estas registritaj en komputero laú la ordo de alveno al JEI.

b) Kiam ne troviĝas taúga korespondanto en 3 monatoj -- Ni informos la petanton pri tio kaj pri 1 jara valideco de la registriĝo de la peto en komputero.

c) Se post 1 jaro ankoraú ne troviĝas korespondanto -- Pri aútomata nuliĝo de la registriĝo ni informos nur petantojn, kiuj kunsendis IRK. Se la petanto deziras daúre serĉadi korespondanton en Japanio, la petanto devos skribi petleteron tute novan.



ks = kaj similaj
k.sekv. = kaj sekvantaj
ktp = kaj tiel plu
l = litro
m = metro
mm = milimetro
mn = minuto
N.d.l.r = noto de la redakcio
nov. = novembro
n-ro = numero
okt. = oktobro
p. = pagho
p.a. = per adreso de
P.A.G. = Plena Analiza Gramatiko
P.I.V. = Plena Ilustrita Vortaro
pk. = poshtkesto
pm. = poshtmarko
p.K. = post Kristo
Po. = portugala lingvo
pr. = prononcu
prez. = prezidanto
p-ro = pastro
prof. = profesoro
P.S. = post skribo
Rim. = rimarko(u)
s = sekundo
t.e. = tio estas
t.n. = tiel nomata
Vd. = vidu
S. = Sankta
s-ano = samideano
s-anino = samideanino
sekr. = sekretario
sept. = septembro
s-ino = sinjorino
s-ro = sinjoro
str. = strato
Tel. = telefonnumero
U.K. = Universala Kongreso
vol. = volumo

# EL LA LEGANTOJ



"La vintra eldono de JES JA! estas vere leginda kaj legenda. Mi gratulas vin, jen revueto kiun ni tre bezonis. Antaŭen, chiam antaŭen!"

Alberto Flores/ Volta Redonda (RJ)

"Mi ekkonis vian E-gazeton JES JA! eldonita vintre 1991, kaj mi restadis ravita. Tre plachis al mi raportojn, intervjuojn, humoron ktp."

José N.A. Medeiros/ Fortaleza (CE)

"Recebemos e agradecemos a remessa dessa importante revista JES JA! Vintro 1991, trazendo em suas 24 páginas um farto material esperantista de grande valor noticioso para entidades e esperantistas. Notamos o valor destas publicações em razão da falta de uma revista única nacional pela entidade representativa (ou que deveria representar) o movimento brasileiro."

Eluizio Bueno Rodrigues/ Sorocaba (SP)




ANAPOLIS-GO 28A BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

12-17 JULIO 92

# VOLAS KORESPONDI

* * * * * * * * * * * * *

**Deziras intershanghi poshtmarkojn kun chiuj** landoj:Dieter Kremp, KastellstraBe 17, W-7500 **Karlsruhe 41, Germanio.**

---

**Por daùranta kolekto kaj interamikeco,** bonvenajn bildkartojn de la tuta mondo. Mi certes intershanghos. Fantin Cleno, I. Nievo 13, I-33083 Chions, Pordenone, Italio.

---

**Pri kulturo kaj amikeco&** deziras korespondi tutmonde s-ro Jaume Pous, Apartat Correus 24.292, E-08080 Barcelona, Hispanio.

---

El **Nepalo** deziras **korespondi** 21-jara studento, kiun interesas literaturo, muziko kaj tèatro. Dipendra Kumar Piya, GPO Box 4098, Kathmandu.

JES JA!

**Redaktas:**
César
Dorneles
Soares

**Redakcia adreso:**
Mal.Frota,
278
BR-91350
Porto Alegre,
RS, Brazilo
(0512) 44.2591

**Sendata al**
SC PR SP RJ
MG ES DF GO
BA AL CE AM

**Kunlaborajhoj bonvenaj**

Abonu
**3 numerojn kontraù 12 poshtmarkoj**

Oni petas intershanghon



vi ne povos
ne partopreni
en la
5a SEMAJNFINO
DE PORTO ALEGRE,
14/15dec1991.
che la aùditorio
de UFRGS-rektorejo.
kulturaj prelegoj,
debatoj,
artprezentoj,
kaj disvendo de libroj
krom multe da
interkunfratigho
en amika etoso!
pliaj informoj
che ESPA
(0512) 28.7340
aù che JES JA!
(0512) 44.2591




Parko Farroupilha, Porto Alegre